

# Esperanto Hamburg

Hamburga Esperanto-Societo r. a.
Esperanto-Verein Hamburg e.V.

Novembro / Decembro (5) 2011 / Januaro 2012




# Ĉirkaŭ la mondo tra 80 potoj

## La sola spico-muzeo en la mondo troviĝas en Hamburg

**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:** Hamburga Esperanto-Societo r. a.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str.95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
n-ro: 200 67 16 500
BLZ 430 609 67

**Prezidantino:**
*Kerstin Baasch*
Scharpenmoor 74 e
22848 Norderstedt
baasch@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 43188347
klehr@esperanto-hamburg.de

## Karaj legantoj,

en la Hamburga tradicio oni diferencas inter naskitaj Hamburganoj kaj naskiĝintaj Hamburganoj, do tiuj, kies geavoj jam naskiĝis en Hamburg kaj tiuj, kiuj nur hazarde naskiĝis en Hamburg (ekzemple *Angela Merkel*).
Mi mem rigardas min elektinta Hamburgano, laŭ la nocio de *Goethe* pri elektitaj parencoj.

Mi ĉiam de nove malkovras kaŭzojn por ĝoji, ke mi vivas en Hamburg. La homoj en Hamburg estas toleremaj kaj ankaŭ la oficialaj instancoj estas toleremaj, ekzemple kiam iu maljunulo plantas florojn sur publika grundo. Krom *Hamburg* nur *Barcelona* toleras gerilajn ĝardenistojn.

Sed, kiam la urbaj instancoj ne estas toleremaj kaj volas forpeli senhejmulojn el sia kutima dormejo sub ponto en *St. Pauli*, la civitanoj protestas, ĝis la administrado cedas. Nun oni eĉ decidis konstrui necesejojn por la senhejmuloj tie. Tiu ĝisosta demokrata sinteno de la Hamburganoj ek de la komenco fascinis min kaj mi estas feliĉa, ke mi elektis la urbon kiel hejmurbo.

*Benno Klehr*

La kunvenoj de

**Hamburga Esperanto-Societo**

okazas en la

*Kultur-Butiko*




**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**

## Sentenco

La nombro de niaj amikoj
estas des pli malalta,
ju pli altaj estas
niaj postuloj pri amikeco.

Sigmund Graff, (1898 - 1979)

**Redaktofino**
**de n-ro 1/2012: 15-01-12**

**Redaktofino**
**de n-ro 2/2012: 15-03-12**

**Redaktofino**
**de n-ro 3/2012: 15-05-12**

***Spicy's*, la sola muzeo de spicoj en la mondo** prezentas diversajn ingrediencojn por vidi, tuŝi, flari kaj gustumi. Ĉu frukteca, akra, amara, tradicia, jarmilojn aĝaj aŭ moderna spicomiksaĵoj. La proverbo, ke amo iras tra la stomako ĝis la koro, baziĝas sur jarmilaj spertoj.
Sur ĉ. 350 m² eblas spekti kaj percepti pli ol 900 eksponaĵojn el la pasintaj kvin jarcentoj. La muzeo de spicoj estu muzeo de travivaĵoj.
Oni povas sperti la vojojn de la spicoj el la originaj landoj, la prilaboradon (foto de spico-muelilo sube) kaj la vendatajn produktojn kaj fine la modernajn pakaĵojn, kiujn ni povas aĉeti en niaj vendejoj.
Ek de la kultivado ĝis la preta vendata produkto estas sperteblaj la mondo de spicoj kaj aromherboj.
Interesaj ankaŭ estas la malnovaj maŝinoj kaj pakaĵoj de





spicoj, kiuj prezentas la longan tradicion de spicoj. Oni povas malkovri la aromon de multaj spicoj (foto supre) kaj retrovi malnovajn forgesitajn eŭropajn spicojn, kiel semoj de *fenugreko* kaj *blua meliloto*, kiuj estas uzitaj por aromigi panon kaj fromaĝon en kelkaj eŭropaj regionoj (Germane: Bockshornklee kaj Schabzigerklee).

Ĉiu vizitanto kiel bileto ricevas saketon: Plenkreskuloj nigran pipron, infanoj dolĉajojn.

Spicy's Gewürzmuseum GmbH
Am Sandtorkai 32
20457 Hamburg
Fotoj: www: www.spicys.de

## Jahreshauptversammlung/ jarĉefkunveno Einladung / Invito

Hiermit werden alle Mitglieder des Esperanto-Vereins Hamburg e.V. eingeladen zur Jahreshauptversammlung

**am Donnerstag, dem 16. Februar 2012 um 19.30 Uhr im Kulturladen St. Georg, unterer Saal Alexanderstr. 16 • 20099 Hamburg**

Folgende Tagesordnungspunkte sind laut Satzung vorgesehen:

Erstattung des Jahresberichts und des Kassenberichts
Bericht der Kassenprüfer
Diskussion
Bericht des Beirats
Entlastung des Vorstandes
Wahlen für den Vorstand
Wahlen für den Beirat
Budget, Beiträge und Pläne
Diskussion und Entscheidung über Vorschläge
Verschiedenes

Im Namen des Vorstands
Ralph Glomp, 2. Vorsitzender

**Nia honora membro d-ro Werner Bormann fariĝos 80jara la 27an de Oktobro 2011.**

**Bondezirojn nome de ĉiuj membroj!**
**La estraro de HES**

## Neue Vorstandsmitglieder gesucht

Bei der Jahreshauptversammlung 2012 wird ein neuer Vorstand gewählt. Die beiden Vorsitzenden werden nicht erneut kandidieren.

Unser Verein lebt von der Zusammenarbeit und den Ideen seiner Mitglieder.

Wenn Du Lust hast, Dich einzubringen, ist die Vorstandssitzung (am 26.10. um 18:30 Uhr im Kulturladen) die nächste Gelegenheit, oder sprich uns per Email oder beim Klubabend an.

# Nia Programo

Ĵaŭdaj klubvesperoj: en ***Kulturladen St. Georg***
Alexanderstraße 16 • 20099 Hamburg • 19.00 h la membroj kolektiĝas en la kafejo • 19.30 h vespera prelego laŭ la suba programo

Ĵaŭde de 17.00 h ĝis 19.00 h ***Paroliga Rondeto:*** praktikado kaj ekzercado de la lingvo

## Novembro

**3** *Filmo:* **Konrad Duden – Der deutschen Sprache auf der Spur** (2) 60 min.

**10** *Dominik Grauert:* **Aventuroj dum la UK en Kopenhago 2011**

**17** *Benno Klehr:* **Ekzercoj pri la Akuzativo** laŭ Edit Slezákné Tar (2)

**23** Merkredo, 18.30 h
**Estrarkunsido** (publika)

**24** **Esperanto – Pasporto al la tuta mondo**
Amuza lernfilmo pri la familio Bonvolu.
Antaŭe parto de Mazi en Gondolando.
30 min.

## Decembro

**1** *Jürgen Wulff:* **Nutraĵoj 2: La dolĉa flanko de la vivo**
Ni pligrandigas nian vorttrezoron.

**8** *UK 2012 en Vjetnamio:* **Impresoj de Hanojo**
Filmo de la dana kantisto Kim Henriksen (i. a. grupo „Esperanto Desperado“) farita dum la IJK 2007 36 min.

**15** *Benno Klehr:* **Participoj**
Gramatikaj ekzercoj

**17** ***Zamenhoffesto***
*Bonvolu legi inviton*

**Poste ne plu okazos programo ĝis Januaro 2012**

## Januaro 2012

**5** *Elsbeth Wielgus:* Surbendigita son-prelego **„Mia Esperanto-vivo“**

**12** *Karin Bouchain:* **Van Gogh kaj la efiko de koloroj**

**19** *Benno Klehr:* **Tipaj eraroj de Germanoj**

**25** Merkredo, 18.30 h
**Estrarkunsido** (publika)

**26** *Dominik Grauert:* Raporto pri **Somera Esperanto-Studado** en Slovakio 2011

## Februaro 2012

**2** **La Simpsonoj**
Multaj kritikantoj diras, ke la Simpsonoj estas la plej bonkvalita animea programo. La revuo „Time“ nomumis ĝin la plej bonkvalitan televidprogramon de la 20-a jarcento en 1998. Ĉirkaŭ 25 minutoj.

**16** **Jarĉefkunveno de HES**

## Hamburg-Enigmo

Kie en Hamburg troviĝas tiu ĉi ornamaĵo?



Foto: B. Klehr

## Interkulturaj diferencoj kaj iliaj rilatoj al instruado

Sub tiu titolo prezentis nun sian diplomlaboraĵon *d-rino Gisela Macioszek,* kiu ĵus finis siajn esperantajn studojn de unujara Instruista Trejnado de *UAM-ILEI-UEA-edukado.net* en la lingva fakultato en Poznań (PL).
Gratulojn!



(Laŭ informoj de Zsófia Kóródy)

Foto: B.Klehr

# Esperanto,

## der andere Schnack!

Lerne die Weltsprache der Individualisten in einem 10-wöchigen Unikurs!

# AStA

## Kulturkursprogramm

10 Stunden dienstags 16-18 Uhr ab 01.11.2011
29 Euro für Studierende, 45 Euro für Nicht-Studierende

Anmeldung bis 26.10.2011:
**www.kulturkursprogramm.de**

Afiŝo kun tiu aspekto ek de la komenco de Septembro devus esti sur al afiŝkolono apud la foirejo en Lange Reihe, sed la prizorgantoj ne estis atingeblaj. Finfine en Oktobro ĝi troviĝas tie.

**Sabaton, la 17an de Decembro 2011**

## Zamenhoffesto

**Ni kune festas ek de la 18.00 horo en la Kulturbutiko.**

**La estro de la restoracio, Oskar Höflich, prizorgos la preparadon de niaj manĝaĵoj.**

**La kostoj por la manĝaĵo estas 12 Eŭroj.**

**Bonvolu anonci vian partoprenon ĉe Ralph Glomp**

## Prelegoj de Martin Haase

La 22an de Septembro en la granda supra salono de la kulturbutiko okazis germanlingva prelego kun la titolo ***Neusprech im Überwachungsstaat:*** *Politikersprache zwischen Orwell und Online.* Pli ol 50 aŭskultantoj venis al tiu ĉi brila prelego pri la lingvouzo de politikistoj por mistifiki la popolon. Esperanto nur flanke estis menciita, sed la prelego eĉ sukcesis restigi kelkajn gastojn, kiuj kutime nur dum mallonga tempo restas en prelegoj.



La dua prelego vendredon havis la temon ***Lingvoplanado dum la jarcentoj***. Kelkaj partoprenantoj miris ke temis pri la planitaj strukturoj de t.n. naturaj lingvoj, kiel la Itala aŭ la Germana, sed la titolo ja ne estis *Planlingvoj dum la jarcentoj.* Tiu prelego donis al ni argumentojn por defendi Esperanton kontraŭ homoj kiuj kritikas, ke Esperanto ja estas *nur* planlingvo kiu ne estas tiom valora kiel naturaj lingvoj, kiuj fakte ankaŭ estis plane ŝanĝitaj.
La vendredan prelegon ankaŭ ĉeestis unu al ni nekonata persono, Stefan Thesing, nun lernanta Esperanton. Tiaj altkvalitaj prelegoj estas la plej bonaj varbiloj.

# Naskiĝtagsurpriza aventuro

Kiel freneza ideo! - Malvarmeta dimanĉa posttagmezo aŭgustfine, mallongaj fortaj pluvoj kiel ofte tiusomere, kaj ni (*Frank, Benno, Dominik*, bukedo da floroj kaj mi) estas survoje al *Burg*/Dithmarschen. Preskaŭ senfina fervoja veturado...
Kial ĉio ĉi? - La hamburga esperantogrupo ricevis inviton de *Daniel*: Li volis organizi naskiĝtagan surprizon por sia edzino, *Åsa*, esperantistino, kiu tie, en malgranda vilaĝo, nur ege malofte havas okazon por paroli esperante. Ĉu iuj de la hamburga grupo ŝatus alveni al Burg por paroli esperante kaj manĝi kukon? -

Finfine: *Burg*/Dithmarschen. *Daniel* venas aŭte por akcepti nin ĉe la stacidomo, kaj tiam ni sonorigas ĉe la pordo de bela nova brikdomo. Malfermas la pordon belega blonda kaj ege surprizita virino. Ridante, ni gratulas al ŝi okaze de sia naskiĝtago kaj transdonas la florojn. La surprizo sukcesis!



Tuj poste ni sidas ĉirkaŭ la kafotablo en belega varmkolora loĝoĉambro.
*Åsa* (foto) rakontas esperante pri sia vivo kiel patrino (kun kvin infanoj!), kiel instruistino, kiu eĉ havas malgrandan esperantan grupon en sia lernejo, kaj la avantaĝoj kaj malavantaĝoj de sia vivo en la kamparo. Ŝi estas tre simpatia, varmkora kaj interesa virino el Svedio - kaj ankaŭ bonega gastigantino. Ŝi kaj *Daniel* preparis bongustan frambokukon kaj kafon por ni. Mmmh! - La etoso tie estas tiel varma, tiel hejmeca kaj agrabla, ke ni baldaŭ forgesas la malvarman pluvon...



**Benno, Dominik kaj Daniel**

Du horoj da sereneco, viglaj konversacioj kaj ridado. Koran dankon, *Åsa* kaj *Daniel*, pro la bonega posttagmezo!



**Åsa kaj Frank**

*Fotoj kaj teksto: Karin Bouchain*

# Solvo de Hamburg-Enigmo



Sur la foto oni vidas la frontonon super la iama ĉefa enirejo en la turo de *S-ta Nikolao* ĉe *Hopfenmarkt.*

# Gastoj de la malsupra Visurgo

Sabaton, la 3an de Septembro 2011 la „Esperanto-Grupo Subvisurgo“ vizitis Hamburgon kaj kune kun la Hamburgaj amikoj promenadis sub gvidado de *Kerstin Baasch* tra la historia *stokeja kvartalo* kaj la granda novkonstruata *havena urbo*. Pro la varma vetero ni faris unu paŭzon en la malnova hejtada centralo kaj poste duan en la nova eŭropa centralo de *Unilever*, kie ni povis manĝi sur la teraso kun rigardo al la rivero Elbo.

*Benno Klehr*



**Antaŭ la havenurba informejo** Foto: G. Roemer



**Dum klubvespero en Hamburg** Fotis Jutta per fotilo de Smail

## Surpriza revido



**Smailo en sia E-ĝardeno**

Dum la milito en tiama Jugoslavio gastis ĉe ni kelkaj rifuĝintoj. Unu el ili estis *Smail Grbo* el Sarajevo, kiu nun de nove vizitis nin en la nuna klubejo. Li kunportis fotojn kaj filmojn pri sia ĝardeno, siaj gastoj, sia Esperanto-kolekto, siaj travivaĵoj kaj la urbo Sarajevo. Li povis prezenti tiom multe, ke la tempo de kluba vespero ne suficis. Li donacis du librojn. Dankon.

*Benno Klehr*

## Verda heredaĵo de bonfarulo

Dum multaj jaroj iu maljunulo plantis florojn antaŭ la domo kie li loĝis. Ne estis lia ĝardeno, sed la bedoj, kiujn li prizorgis estis sur publika grundo apud la strato en Hamburg-St. Georg. Fakte pri tio devus zorgi la urbaj ĝardenistoj, sed ili nur foje fortranĉis la herbaĵojn.
En Aprilo 2011 li ne plu prilaboris „sian“ ĝardenon. Tion konstatis pli junaj najbaroj kaj eltrovis ke li ekloĝis en maljunulejo. Do *Jürgen Hegger* (35) kaj *Darek Kokoszewski* (27) decidis mem fari tiun laboron. Ili kolektis kelkajn amikojn kaj komencis labori. Ili kreis retpaĝon pri sia kaj lia laboro: http://www.kallersche-gaerten.de.tl/Fotos.htm. La nomon *Kallersche Gärten* ili elektis memore al *Werner Kaller*, kiu prilaboris „siajn“ ĝardenetojn kvazaŭ *gerila ĝardenisto* kaj mortis la 17.06.2011.



Foto: Jürgen Hegger

## Funebra ceremonio por Elsbeth Wielgus

La 22an de Aŭgusto 2011 okazis funebra ceremonio apud la tombejo de *Hamburg-Ohlsdorf*. Laŭ la deziro de *Elsbeth* ni ne donacis florkronon, sed ĝiris sumon de € 250,– al *SOS-Kinderdörfer* kun la indiko, ke la donacon iniciatis *Elsbeth Wielgus*.

(SOS-Kinderdörfer estas internacie aganta asocio por ebligi al orfoj familian kunvivadon en tiel nomataj infan-vilaĝoj.



**En la funebra halo** Foto: Peter Weide

## La germana super-eraro

Dum la Germana Eperanto-Kongreso en Münster okazis urbopromenado, dum kiu ni ankaŭ pasis ĉe preĝejo, kiu germane nomiĝas *Überwasserkirche*. La nomo en Esperanto estus *superakva preĝejo* ĉar ĝi staras sur marĉa grundo, oni klarigis al ni. Sed se oni rigardas la latinan surskribon super la pordo, oni povas legi SANCTA MARIA TRANS AQUAS. Do ne estas preĝejo super, sed trans la akvo, nome de la katedralo trans la rivereto *Aa*. Sed kiel germanoj sciu tion, kiam eĉ en germana Vikipedio oni skribas *über **dem** Wasser* (super) anstataŭ *über **das** Wasser* (trans).
Poste en Aŭgusto ni aŭdis prelegon pri la UK en Kopenhago. Dum tiu vere interesa raporto estis parolita pri la geografia situo de Kopenhago, kaj asertis ke vidante de Kopenhago Malmö troviĝas *super* la markolo. Germanoj certe komprenis, kion oni intencis diri: Malmö troviĝas *trans* la markolo *Øresund*.
Finfine en Septembro niaj klubanoj renkontiĝis kun membroj de la *Esperanto-Grupo **Subvisurgo***, germane *Unterweser.* Fakte la nomo povus indiki, ke la grupo kutime renkontiĝas en tunelo sub la rivero; alikaze ĝi devus nomiĝi *Esperanto-Grupo de **Malsupra** Visurgo.*
Se vi ankaŭ havas problemojn pri la uzado de prepozicioj, venu al mia klubvespero la 19an de Januaro.

*Benno Klehr*